


ORGANO DE
ASTURA ESPERANTO ASOCIO

CATEDRA DE EXTENSION UNIVERSITARIA




## KIAL KONGRESI?

Ĉu ĉiuj konscias pri la celoj de niaj Kongresoj? Miaopinie niaj kongresoj efikas du-direkten. Eksteren, t.e. por la ekstermovada publiko. Internen, t.e. por nia propra profito. Antaŭ la ĝenerala publiko niaj kongresoj montras, ke Esperanto ja ekzistas, ke nia Movado vivas kaj progresas; samkiel demonstracias taŭgecon de nia Lingvo por senpere pridiskuti iun ajn temon, por rekta interkompreniĝo inter diverslandanoj.

Por ni mem niaj kongresoj konsistigas la okazon provi nian Lingvon praktike. Dum la kongresoj ni konstatas, ke niaj pledoj por oficialigo de Esperanto baziĝas sur realaj faktoj.

Do, mi opinias, ke ĉiu esperantisto nepre devas partopreni en niaj kongresoj. Unue, por demonstracii al la ĝenerala publiko, ke nia Movado ekzistas; ke ĝin ne konsistigas nur manpleno da "fanatikaj revuloj", sed amaso da konsciaj personoj. Due, kaj eble ĉefe, por akiri praktikon en la uzado de Esperanto. Ni bezonas nepre regi Esperanton, flue ĝin paroli, por povi konvinki aliulojn pri niaj asertoj rilate facilecon kaj taŭgecon de la Lingvo, kiun ni proponas kiel Internacia.

Nu, por ke niaj klopodoj estu fruktodonaj, niajn kongresojn partoprenu kiel eble plej multaj, kaj oni nepre ne krokodilu! Kion opinius la ekstermovadanoj, se ili konstatus ke ni mem ne kuraĝas uzi la Lingvon, kiun ni proponas al ili?!

Alkutimiĝu al uzado de Esperanto, kies regadon ni atingos nur per ĉiama praktikado.

Partoprenu la Kongreson! PAROLU ESPERANTON!

Adonis.-

Marto - Aprilo 1.981 Nº 19

# NIA ANTENO

La vivo de nia Asocio disvolviĝas sufiĉe kontentige. La gelernantoj de ambaŭ kursoj, kaj la komenca kaj la progresiga, entuziasme daŭrigas lernadon de Esperanto. Kun plena respekto al la Esperanta tradicio, el la kelkdekoj, kiuj komencis lernadon de Nia Lingvo restas nur dekduo; sed, ni fieras pri tio, ke ja temas pri tiuj plej kapablaj.

Je la 30-a de Aprilo okazis la anoncita letervespero. La rezulto de ĉitiu letervespero superis ĉiujn antaŭviditajn kalkulojn. Amase alvenis al Ni kaj leteroj kaj bildkartoj el la tuta mondo. Kelkaj kun salutoj kaj esprimoj pri sukceso, kaj kun kuraĝigaj vortoj pro nia por-Esperanta laboro; la plejmulto kun deziroj pri interkorespondado. El la unuaj ni deziras reliefigi bildkarton, kiun adresis al Ni Marjorie Boulton, elstara verkistino kaj poetino de la Esperanta Movado. Pri la aliaj ni nur bedaŭras la fakton, ke nia Asocio ne havas sufiĉan nombron da membroj por haviĝi korespondant(in)on al ĉiu, malgraŭ tio, ke ja kelkaj el la gelernantoj akceptis ekkorespondi kun pluraj gesamideanoj.

Dum la Sankta Semajno Ni ricevis la viziton de la veterana Esperantisto el Bilbao S-ano Luis Otaola y Faón. Tiel sprita, simpatia kaj gaja kiel kutime, li ĝojigis Nin per sia ĉeesto.

El la lastaj decidoj de Nia Estraro elstaras jenaj:

En konsento kun peto ricevita de la Esperanto-Societo " Ĥristo Kozlev ", el Polski Trambeŝ, Bulgario, Ni okazigos Ekspozicion pri la 1.300 jubileo de tiu lando. La Ekspozicio okazos de la 13-a ĝis la 17-a de venonta Majo, en la salono "Marola" de la Katedro pri Universitata Disvastigo.

En la monato Junio, kaj okaze de finiĝo de la diversaj Esperanto-Kursoj, kiuj okazas en nia urbo, Ni aranĝos porokazan Kursfinan Feston, kiun espereble partoprenos ĉiuj ge- membroj kaj lernantoj de nia Asocio.

Ni atendas vian viziton al la Ekspozicio. Ni esperas vian partoprenon al la Festo.

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0

# Tri tezoj pri la deveno de la homo

TRIA TEZO*: LA HAZARDO KAJ LA NECESO

"La ekzisto de la mondo konsistas el la hazardo kaj la neceso".

Ĉu la interagado de la hazardo kaj la neceso dum milionoj da jaroj, sub la reguloj de la fiziko kaj kemio povis realigi - la nekredeblan variecon de la vivo sur la Tero, inkluzivante nin, sen intervenoj eksteraj ? La "Kreismistoj" diras ne, la scientistoj diras jes, ĉu parolo kontraŭ parolo?

La tezo pri iu Dio kreinto estas afero de fido.La tezo de la evolucio de la vivo, male estas la pruva de la naturo.Laŭŝajne, hodiaŭ, ĉi lasta bone povas elteni tiun komfirmon.

La scientistoj kunigis milionojn da - informoj pri la vivformoj, tiel rilate al tiuj ekzistantaj nuntempe kiel al tiuj delonge malaperintaj.Helpe de la teorio de - Darwin oni povas konstrui la arbon genealogian kaj pere de ĝi la rilatiĝon de la parenceco de la estaĵoj, kiuj vivas aktuale. En iu momento de la pasinteco devis havi inicon tiu genealogia arbo kaj ĝuste tiu estis la momento de la lasta pruvo pri - la tezo de la vivo, kiu sin organizis - surbaze de la senviva naturo.

Dum longa tempo ŝajnis, ke kiu ajn teorio pri la origino de la vivo fiaskadis antaŭ la baza principo de la fiziko, la dua principo de la termodinamiko: kies universala leĝo asertas, ke la universo, kiel sistemo fermita en si mem, troviĝas nepre sur la vojo - de la ordo totala al la malordo totala - (aŭ dirite - alimaniere, ke ĝi konstante malvarmiĝas). La vivantaj estaĵoj, tamen, estas sistemoj kiuj evidente inversigas la proceson, ili transformigas la plej grandan malordon, la senvivan materion, en ordon pli grandan, en estaĵoj pli kompleksajn. Ĝis antaŭ dek jaroj, la scientistoj ne malkovris, ke la vivo trovis vojon por inversigi, sub konkretaj kondiĉoj eksteraj ,



tiun tendencon universalan al pli granda malordo.

Sarĝitaj kun ĉi tiu teoria valizaro, la eksploristoj povis komenci laboratoriajn eksperimentojn kaj kalkulojn pere de komputeroj ĝis certagrade realaj, kiuj – ŝajnigos la inicon de la vivo. Ili malkovris, ke la vivon oni ne povas daŭre konsideri kiel miraklon, statistike neprobablan, blindan hazardon kaj unikan, kiel supozis kelkajn jarojn antaŭe, la franca Nobel-premio Jacques Monod: do, surbaze de kvanto infinita de eblaj elementoj de la vivo, kiuj originis hazarde; la neceso gvidata de la naturaj leĝoj elektis la plej taŭgajn.

Per ĉi tiu "bredo de la hazardo" kiel nomis ĝin la germana Nobel-premio pri kemio Manfred Eigen, povis komenciĝi la evolucio. La aspekto, kiun havas ĉiu vivanta estaĵo, kiu naskiĝus de la hazarda ludo de la naturo, destinita al neniu supera celo, estus frukto de la hazardo. Tio klarigas, kiel povus aperi estaĵo tiel – grande kompleksa, kiel estas la homo, sed ankaŭ, kiel en alia planedo kun identaj – kondiĉoj la evoluo povis sekvi alian vojon, se ni havas najbarojn en la Universo, ili havas, kun probableco tuŝanta la sekurecon, aspekton malsimilan al la nia.

Tradukis el la libro " La nueva historia de Adán y Eva " de Günter Haaf,

LUIS SERRANO PEREZ
SABADELL

* La unua tezo aperis en "HELECO" nº 17, de Novembro-Decembro 1.980ª, kaj la dua, en "HELECO" nº 18 de Januaro Februaro 1.981ª

---

## PRI UNU EL MULTAJ

Ekzistas personoj sur nia planedo
al kiuj ripeti tre plaĉas
iomajn vortetojn, ĝis punkto de tedo.
Ilia dirstilo tre aĉas.

Rilatas al unu el tiaj estaĵoj
la jeno, de mi rakontata
celante aŭtoron de oftaj fuŝaĵoj
en ĉio de li parolata.

La vorto "ja" ree kaj ree eliras
el lipoj de tiu sinjoro,
kaj same okazas al "nu" . Ĉu vi miras?
min kredu: jen prema angoro.

Kaj tial, ke agas li tiel konstante,
laŭlonge de tuta la jaro,
de kelke de tempo la homoj, mokante,
lin nomas sinjor' "Januaro".

– ALCIBIADES G.MEANA –

--------- LA FELGUERA –

# KASTELO DE Coca(Segovia)





Enirejo al la kastelo

La nuntempa Coca estis la roma Cauca (Konko).Tiu urbeto estis naskiĝloko de Teodozio, romia imperiestro, kiu reĝis sub la nomo de "Teodozio el grande".

Kvankam Coca, nuntempe havas ne pli ol 3.000 enloĝantojn, dum roma epoko havis preskaŭ 10.000-n.Ĝi havas ne roman devenon, sed keltiberan, ĉar estis konstruita 218 jaroj A.K.Tiam ĝi nomiĝis Caucia (prononcu Kaŭzia).

La kastelo estas unu el la plej belaj kaj plej bone konservataj el la tuta Hispanio.Laŭ iniciato de D.Alonso de Fonseca, Avila-a episkopo, en la 1.453ª jaro oni komencis ĝin konstrui.Dum kelkaj jaroj estis posedaĵo de tiu nobelfamilio, por poste esti transdonita al nobelfamilio Alba, kiam okazis edziniĝo de Fonseca-a posteŭlino kun Alba-a posteŭlo.En la 1.954ª jaro oni donacis ĝin al la hispana registaro por ke ĝi estu uzita kiel grenejo kaj agrara lernejo, tamen, post ĝia restaŭrado en la 1.956ª jaro, "malfermiĝis ĝiaj pordoj" kiel lernejo por arbaraj laboristestroj (ĉar oni pripensis estus pli konvena tiu profesio pro la pinarbaraj ĉirkaŭaĵoj de la zono), kaj tiel funkcias ekde tiu dato.

Dum la milito por la hispana sendependeco, la kastelo estis okupita de la franca armeo kiu, antaŭ ol ĝin forlasi, bruladis ĝiajn valorajn arĥivojn.

La kastelo estas kostruita preskaŭ tute el brikoj kaj en ĝia konstruado intervenis tri rasoj: kristanoj, maŭroj kaj judanoj, ĉar pri tio atestas la diversaj reprezentaj simboloj el tiuj religioj (sankta kruco, duonluno kaj David-a stelo) kiuj aperas ĉe la eniro al la nomata ĉambro de la krucoj.

Tiu konstruaĵo konsistas el du korpoj kun rektangula sekcio; unu el ili estas muregoj kaj la alia, la kastelo mem.Inter ambaŭ korpoj estas larĝa pasejo.

Tri anguloj de la kastelo estas o-


Ĝenerala vidaĵo. Malantaŭa parto

kupataj de aliaj triegaj postenbudoj dum la kvara angulo estas okupata de la turo de la omaĝo, kiu havas kvadratan sekcion. Ĝia alteco sur stratnivelo estas 27 metroj kaj sur la fundo de la fosaĵo kiu ĉirkaŭas la kastelo, 50 metroj.

En teretaĝo de ĉi tiu turo troviĝas la kapelo, kiu estas tiu originala nur restaŭrita en ĝia supra parto pro difektiĝo kaŭzata de la brulado jam menciita.

La kapelo enhavas du gravajn pentraĵojn de la nomata flandra disĉiplaro el la fino de la XIVª jarcento montrante , unu el ili, "La Krucumon" kaj la alia , "La Anonco al María"-n.Alia interesa enhavo estas bizanca krucifikso skulptita sur plurkolora ligno; la Tabernaklo kun la figuroj de la Sanktaj Petro, Paŭlo kaj Veroniko kaj du sanktakvjoj, unu konkoforma kaj la alia el alabastro, en kiu estas legebla la jaro 1.560-a.

La unua etaĝo estas la skermejo, sur kies muroj restas originalaj mudeharaj desegnaĵoj, kvankam bedaŭrinde difektitaj sur iuj zonoj, pro tio ke oni riparis ilin per mortero, purigante ankaŭ la ceterajn partojn de tiuj muroj.Sur la volbo estas pentrita la blazonŝildo de nobelfamilio Fonseca.

Troviĝas en tiu halo, iu vitroŝranko enhavante diversajn dokumentojn pri la kastelo, krom du kirasojn, maŭran seĝon, terpelvon ( el perlamoto, osto, eburo, ora lameno) kaj sektretmeblon kun 16 skatoletoj, ĉio el la XVª jarcento.

La dua etaĝo enhavas diversajn keltiberajn kaj romajn ceramikojn, samkiel pluraj marmorajn aŭ kalkajn ŝtonojn, apartenintaj al la kuirejo kaj korto.

La plej alta parto de la turo de la omaĝo havas aliron al la nomata "Paseo de ronda", aŭ koridoro ekde kiu en tiama tempo oni povis bone rigardi alvenon de la malamikoj, kvankam verŝajne ne oni konstruis ĉi tiun kastelon kiel fortikaĵo, sed kiel loĝejo.

(ĝi daŭros)



La kastelo en hispana poŝtmarko


Parta vidaĵo

## TRIA INTERNACIA LITERATURA KONKURSO DE MADRIDA ESPERANTO-LICEO

### REGULARO

1 - Estos kvar branĉoj kaj unu premio po branĉo, jene:

a) Prozo, originala en Esperanto, minimume 2000 vortoj.
b) Poezio, originala en Esperanto.
c) Eseo, libera temo, originala en Esperanto.
ĉ) Traduko el hispana proza verkaĵo al Esperanto, minimume 2000 vortoj.

2 - La limdato por akcepto de konkursaĵoj estos la 1-a de oktobro 1981-a, ĉu manliverita, ĉu laŭ la poŝta stampo.

3 - Oni sendos originalon kaj kvar kopiojn, tajpitajn sur papero DIN-A4, kun la pseŭdonimo de la aŭtoro.

4 - En fermita koverto estos skribita ekstere la pseŭdonimo kaj interne la veraj nomo kaj adreso de la aŭtoro.

5 - La gajnintoj estos informitaj almenaŭ unu semajnon antaŭ la disdonado de premioj, por favorigi ilian ĉeeston.

6 - La oficiala solena disdonado de premioj okazos la dimanĉon, 6-an de Decembro de 1.981-a.

7 - La juĝistaro aldonos la premiojn. Se estus egaliĝo, decidas la voĉdono de la prezidanto de la juĝistaro.

8 - La aranĝantoj de la Konkurso (Madrida Esperanto-Liceo) havas la rajton eldoni la premiitajn verkojn. Se tiuj verkoj ne estus publikigitaj post unu jaro, la aŭtoroj mem povos tion fari. La ne premiitaj verkoj povos esti petataj de la aŭtoroj ĝis la 8-a de Januaro 1982-a.

9 - Oni devas sendi la konkursaĵojn al:

MADRIDA ESPERANTO-LICEO
(Por la Literatura Konkurso)
Atocha, 98, 4ª - MADRID-12

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0

## OFICIALA KOMUNIKO DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO

La Akademio de Esperanto notas kun malaprobo diversajn proponojn, inter si malsimilajn, ŝanĝi aŭ modifi la ortografion de Esperanto.

La Akademio konstatas, ke neniu ortografia ŝanĝo estas necesa aŭ dezirinda, aŭ en ligo kun modernaj presmaŝinoj aŭ komputmaŝinoj, por kiuj ĝia ortografio estas tiel same oportuna kiel la ortografioj de aliaj lingvoj, aŭ pro ia ajn alia motivigo.

La ortografio de Esperanto estas integra parto de la historio kaj kulturo de tiu lingvo, kaj konfromiĝas perfekte al la karaktero de la lingvo. Iu ajn ortografia ŝanĝo nur kompromitus la lingvon kaj ties tradicion.

Pro tio la Akademio de Esperanto konfirmas, ke la sola alfabeto de Esperanto estas tiu de la Fundamenta Gramatiko, al kiu aldoniĝas samloke jena rimarko: "Presejoj, kiuj ne posedas la literojn ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ, povas anstataŭ ili uzi ch, gh, hh, jh, sh, u"

Prezidanto: W. Auld
Sekretario: D-ro A. Goodheir

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0

# DISTROJ

## Supo de literoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| T | R | E | K | R | U | R | O |
| O | O | F | I | N | E | I | R |
| P | A | R | T | O | N | S | A |
| R | O | T | U | L | F | I | T |
| A | R | H | I | B | I | L | I |
| H | T | A | S | O | M | K | G |
| P | I | A | N | O | L | A | E |
| E | C | I | A | T | E | I | T |

Tiu ĉi kvadrato plena da literoj enhavas ses nomojn de muzikiloj. Serĉu ilin!
Pro tio vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale – en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literojn.

## Movoj de kavaliro

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| VOR$_1$ | RE | TA | KAJ | DO |
| AL | NE | A | VE | RI |
| PAR | TO | AM | MON | NAS |
| NI | LA | TE | DI | NAS |

Komencante – per la silabo VOR (signita), kaj laŭ la kavalira movo en la ŝakludo, trovu konatan proverbon.

## SOLVOJ AL LA ANTAŬAJ ENIGMOJ

MOVOJ DE KAVALIRO:
Hodiaŭ pagi vi devas, morgaŭ kredite ricevos.

HIEROGLIFOJ:
1) – Naŭzojn
2) – Du kajerojn

KRADENIGMO:
HORIZONTALE:
1) Kvankam 2) Uro.Jam 3) Acetato
VERTIKALE:
1) Avareco 2) Unu.Eta 3) Balasto

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | A | T | N | I | P | E | R |
| I | T | V | A | M | U | R | B |
| N | O | R | A | N | G | A | R |
| A | I | U | B | L | A | M | A |
| R | L | G | I | U | F | U | N |
| B | O | E | R | T | I | R | K |
| O | A | K | N | A | L | D | A |
| O | I | C | N | E | L | A | V |

## STELENIGMO



A-B) Ekzakta reproduktaĵo de skribo, desegno. B-C) Malgranda kloŝeto el vitro, kiun oni almetas sur parton de la korpo kaj en kiu oni maldensigas la aeron, por altiri la haŭton, kaj altiri tien la sangon. C-Ĉ) Rilato de la partoj inter si kaj al la tuto. A-Ĉ) Absoluta regnestro.

HORIZONTALE:
1) Nomo de litero 2) Prepozicio montranta fizikan proksimiĝon en la direkto 3) Sufikso 4) Vokalo.Simileco de estaĵo kun ties praavoj 5) Malalta kontinua, ordinare vertikala kaj solida konstruo el ŝtonoj, brikoj, tabulegoj, ktp servanta por dividi spacon de domo, kampo, k.a.Demanda adverbo kun la signifo:"en kiu loko ?" (inversa) 6) Literoj de arĝento.Prepozicio signifanta momentan nedaŭran agon 7) Io tute senvalora.Vokalo 8) Elementa peceto 9) Egalaj vokaloj.Nomo de litero.

VERTIKALE:
1) Sufikso montranta ĝenerale inklinon al io 2) Kemia simbolo 3) Klaso de artikuloj el subklaso de traĥeuloj kun 4 paroj da kruroj, al kiu apartenas akaruloj, falangiuloj, skorpiuloj, k.a. 4) Tre forta timo. 5) Afero de malgranda valoro aŭ graveco 6) Monto apud Jeruzalemo, kie laŭ la evangelioj Jesuo estis arestita.Simbolo de oksigeno 7) Romana cifero.Vokalo. Sufikso 8) Cerealo 9) Singulara pronomo de la unua persono 10) Numeralo.

. . . . . . . . . . .

Trovu nombron el ses ciferoj kies du lastaj estu duono de la antaŭaj, dum ĉiu el la aliaj estu duono de la sekvantaj

? ? ? ? ? ?